I Jaro. V Num. 1917 Majo.—Madrido

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA
OFICIALA ORGANO DE «ZAMENHOFA KAJ ANDALUZIA FEDERACIOJ»

Dro L. L. Zamenhof
Varsovio, str. Dzika № 9.

Bad Reichenhall [illegible]
24/V 1913

Kara Sinjoro!

Mi ricevis kun plezuro Vian leteron kaj ankaŭ la leteron subskribitan de Viaj kunlaborantoj. Al Vi ĉiuj mi sendas koran saluton, kaj mi esperas, ke [illegible] ni vidos en Berno. La kostojn de la presado kaj sendado de la broŝuro mi kun danko redonos al Vi en Berno.

Via L. Zamenhof

**ZAMENHOFA FEDERACIO SENDAS KONDOLENCON TÛTKORAN AL LA FAMILIO DE NIA PLORATA KAJ PLOROTA MAJSTRO.**

# Por honori la Majstron

La nunaj cirkonstancoj ne estas favoraj por honori nian karegan kaj neforgeseblan Majstron kiel meritas Lia Kreado, ĉar ni opinias, ke la tuta Esperantistaro tion devas fari nepre. Dume, Esperantistaj Societoj, Grupoj kaj eĉ Esperantistoj mem, Lin honoru kiel eble plej solene; sed kiam Paco ree la Mondon regos, tiam estos momento oportuna por honori nian gloran Mortinton.

Ni proponas al la tuta Esperantistaro: Ĉiu Esperantisto kotizos por starigi monumenton grandiozan al D-ro Lázaro Ludoviko Zamenhof en Parizo, kaj *unu spesmilon* kiel minimuman kotizaĵon.

Ni proponas al la Hispana Esperantistaro: Unuiĝon, aktivan laboradon, ĉar Esperanto en nia patrujo multe laciĝis, kaj oni devas konscii, ke propagandi, laboradi kaj sukcesigi Esperanton, estas honori konstante la grandan Pacamanton, kiu ĝin elpensis. Ni, por akceli triumfon de Esperanto, helpu unu la alian, kiel veraj fratoj, kiel ordonas la *interna ideo*, ĉar nur tiel ni sukcesos, kaj starigos la «Belan Mondon», kun ĝia ideo de la pacamo, pri kiu kantas S ino. M. Hankel.

# Zamenhof mortis!!

Via pura spirit' amis homaron,
por ĉiuj estís frata via koro,
estis via deviz' am' kaj honoro
al kiuj vi aldonis gloran faron.

Ne timante la montojn, nek la maron
brile flugadis ĉien via gloro
kaj ĉie restos via rememoro
kiun la homoj metos sur altaron.

Nun tra la mondo kuras sanga fluo,
nun ploras via familia rondo,
la planed' tremas pro pafada skuo

kaj la ŝip' brulas sur la mara ondo...
kaj dum regas malamo kaj detruo
jam vi ne povas resti sur la Mondo.

*Rafael de San Millán*

# IO NEFORGESEBLA

Gvidataj de l'«NOVA SENTO», S-ro Fernando Redondo, staba kapitano, S-ro Emilio G. Linera, presisto, kaj mi, formis strangan triunuon konsistantan el du militistoj kaj tre klera laboristo sendependigita. Ni fondis la revuon «Homaro». Nia kara Majstro ĝin akceptis favore kaj ĝin honoris, kaj nin samtempe, ĉar li diskonigis per ĝi sian «Declaracio pri Homaranismo'n». Ni skribis leteron al li kaj pri ĉi tio parolas la aŭtografo, kiu aperas sur la unua paĝo de ĉi tiu numero.

Mi estis, el la tri, la feliĉulo, kiu konis kaj salutis lin persone. Neniam mi forgesos la feliĉan tagon. Tio okazis dum la Berna Kongreso. Tagon, antaŭtagmeze, sur la ferdeko de ŝipo kondukanta nin al *Interlaken*, ni, sidantaj sur benko, konversaciis pri «Homaro» kaj «Deklaracio pri Homaranismo». Estas nepriskribebla tio kion mi sentis dum nia konversacio, kaj mi povis rimarki liajn grandanimecon kaj ceterajn kvalitojn moralajn, kaj konscii, ke mi parolis kun la plej granda sanktulo nuntempa.

Nia kara Majstro mortis, lia korpo jam ripozas, liaj okuloj ne vidos jam tiom da buĉado, liajn aŭdojn ne suferigos jam la terura pafado, kiu tremigas la teron; sed ESPERANTO, lia grandega kreado, staras firma, nedetruebla, ĉar la spirito de tiu sindonema pacamanto flugas ĉien, de koro al koro, gvidanta nin. Tial ni entuziasme daŭrigos la laboron komencitan de nia neforgesebla Majstro ĝis la triumfo, ĉar en niaj koroj forte enradikiĝis *la interna ideo de Esperanto*, kaj ni unuvoĉe ekkriu: Antaŭen! Ĉiam antaŭen!

*J. Mangada Rosenörn*



KATEDRALO

# La verkaro de nia Majstro

La riĉeco de la verkaro de nia karega kaj neforsebla Majstro estas mirinda:

*Lingvo Internacia* de D-ro Esperanto 1887. Unua verko.

*Broŝuretoj*, *flugfolioj*, sub la nomo ŝlosiloj el la unua tempo.

*Fundamento de Esperanto*, tradukita en pli ol dek lingvojn.

*Fundamenta Krestomatio.*

*Kongresaj paroladoj.*

*Lingvaj respondoj. I. II.*

*Genezo*, *Predikanto*, *Nombroj*, *Psalmaro*, kaj *Sentencoj de Salomono*, el Biblio.

*Proverbaro Esperanta*, enhavanta 1232 proverbojn.

*Batalo de l'vivo* (Dickens).

*Ifigenio en Taŭrido* (Goethe).

*Georgo Dandin* (Moliere).

*Virineto de l'maro* (Andersen).

*Revizoro* (Gogol).

*Hamlet* (Shakespeare).

*Marta* (Orzeskó).

*Rabistoj* (Schiller).

*Deklaracio pri Homaranismo.*

Krom tio en «La Revuo» artikoloj pli mal-

longaj kiel: *Fluganta kofro.* — *La najtingalo.* — *Infano en la tombo* (Andersen). — *La Gimnazio* (Ŝalom Alejĥem). — *Rabeno de Baĥaraĥ* (Heine).

Preskaŭ ĉiuj verkoj estis eldonitaj ĉe la pariza firmo Hachette &. Comp. «Deklaracio pri Homaranismo» ĉe la eldonintoj de «Homaro», kaj ankoraŭ ni posedas specimenojn.

# AL LA MAJSTRO

Al vi, ho Majstro, al vi, ho Genio,
Al vi, ho milda Pacidealisto;
Al vi, revulo de l'Mondharmonio,
Al vi, supera mondlingva kantisto,

Al vi, adresas ni laŭdojn sincerajn,
Kaj himnon gloran ni laŭte sonigas.
Bonigi celas vi homojn mizerajn
Kaj al tiela labor' nin instigas.

Kaj ni obeas al via ordono,
Kaj ni laboras laŭ via indiko,
Kaj ni batalas por Amo kaj Bono
Kun pia fido pri venka efiko.

La novan senton al ni vi inspiras
Per la alvoko sentima de l'koro,
Kaj ni la vojon fiere trairas
Ĝis kiam sonos triumfa la horo.

La verdan flagon ni supre flirtigos
Kiele signo de frata alvoko
Kaj la principojn ni ja diskonigos
De viaj dogmoj de loko al loko.

*B. Martins d'Almeida*
*(Bemaldo)*

# MONDO DE L'BELO

En la animo de ĉiu homo vivas io, kio sopiras je beleco kaj ĉarmo. La laboro kaj la celadoj de la ĉiutaga vivo lin ne kontentigas, li sentas ian internan puŝadon al arto kaj ludo. Li serĉas ian agadon por tiu ĉi eneco, li serĉas ian

«BELAN MONDON!»

Tiu ĉi Bela Mondo aŭ Mondo de l'Belo por mi estas Esperanto, Esperanto kun sia ideo de la pacamo.

*Marie Hankel.* (Dresden)

## ESPERANTUJO (*)

Mi ion deziras, mi havas demandon,
Mi serĉas ian tre belan landon!
Landon kun por mi florantaj floroj,
Kie varmege batas la koroj.

Ho lando belega, ĉu vi ja ekzistas
Sur nia tero, kie vi troviĝas?
Lando, varmege deziregata,
Kie vi estas, ho mia amata?

Al via demando mi scias respondon:
Amikaj koroj plenigas la mondon,
Lando floranta jam estis trovata
Esperantujo ĝi estas nomata.

*M. Hankel*

(*) Himno.

# PASINTAĴOJ

Neniam mi forgesos mian unuan esperantistan forvojaĝon. Mia edzino kaj mi venis en Parizon la 4.an de Aŭgusto de 1907 por ĉeesti en la tria kongreso. Neniam antaŭe mi estis vizitinta Parizon. Ni malmulte vidis dum la trairo ĉar je la sekvinta tago de nia alveno ni elveturis. En Parizo mi parolis kun kelkaj samideanoj kaj inter ili kun Sinjorino Junk kaj Sinjoro Bourlet. Mi akiris iom da konfido pri la interkompreniĝo.

Dum la vagonarvojaĝo al Boulogno ĉe la maro mi iris de vagono en vagonon por interparoladi kun kongresanoj kaj mia miro pliigadis kun la tempo ĉar ĉie la interkompreno estis senduba absoluta malgraŭ tio ke mi estis la unuan fojon parolanta esperanton kun alilingvanoj.

La ŝipveturado de Francujo al Anglujo

estis amuza ĉar en la ŝipo ĉiuj estis kune kaj senpene oni povis ilin alparoli.

Ni posttagmeze venis en Londonon kaj tuje ni forveturis al Kembriĝo. Mi ne volas silenti ke en Londono mi alprenis la unuan stelulon viditan de mi en la fervojstacio por ke li estu mia kondukanto kaj buŝa anstataŭanto de ĉi tiu stacio ĝis tiu de deiro al Kembriĝo. La leganto sendube konkludis ke mi nesciis anglan lingvon kaj li ne eraras. Mia kondukanto plenplene plenumis la al li imponitan taskon lokante nin komforte en vagono al Kembriĝo, kien ni venis la sepan vespere proksimume.

Mi hazarde vespermanĝis kun kvin diversaj alinacianoj: ruso, hungarino, germano, franco kaj anglo; kaj dum la manĝo flue kaj sempene ni interparoladis kaj diskutis pri ĉio. Mi tiam elkonvinkiĝis ke Esperanto estis solvinta la internacian lingvan problemon. De tiu Kembriĝa kongreso pasis jam dek jaroj. Multon mi legis pri Esperanto kaj pri ĉiuj kontraŭdiroj al ĝi prezentitaj. Ju pli mi legis des pli mi konkludis ke Zamenhof antaŭvidis kaj antaŭsolvis ĉion ĉar li antaŭstudis ĉiuklasajn reformojn kaj forjetis ilin pro malutilaj. La projektoj Ido, Antido, kaj aliaj estas fuŝreformita Esperanto, kaj ilia prezento taŭgis por elpruvi ke Esperanto estas la plej perfekta internacia lingvo, la sole parolata kaj la sole uzinda.

*Viktor O. de Allende*

Bilbao, Majo, 1917.



SAN MILLAN

# LA SANKTA MILITO

En tiu ĉi tempo, post tri jara sperto, kiam centmiloj da soldatoj pagis per sia vivo la fremdajn kulpojn, post tiu ĉi plej kruela pruvo de la eŭropa civilizacio sur kiu elkreskis la nuna sociala sistemo kun sangavidaj regantoj en la plej alta supro, estos eble pli intime kompreneblaj la vortoj de Maupassant, kiu siatempe esprimis sian opinion pri la milito.

«Artisto lerta pri tiu ĉi temo, genia buĉisto, sinjoro de Moltke, respondis foje al la delegitoj de la Paca Asocio la jenajn strang-

ajn vortojn: La milito estas sankta, de Dio starigita, ĝi estas unu el la netuŝeblaj leĝoj de la mondo; ĝi konservas ĉe la homo la plej noblajn kaj altajn sentojn, la honoron, la sindonemon, la virton, la kuraĝon, kaj malhelpas unuvorte fali en la plej malbelegan materialismon.»

«Sekve, kuniĝi en bandoj de 400.000 homoj, marŝadi tage kaj nokte sen ripozo, nenion pensi, nenion studi, nenion lerni, nenion legi, al neniu utili, putriĝi de malpureco, kuŝi en ŝlimo, vivi kiel brutoj en senfina stulteco, prirabadi la urbojn, bruligadi la vilaĝojn, ruinigi la popolojn, poste renkonti alian bandon el homa viando, antaŭensalti sur ĝin, fari lagojn el sango, lagojn el pistita karno, miksita al la tero ruĝigita, amasojn da kadavroj, havi la brakojn aŭ la krurojn forportitaj, la cerbon dispremita, sen profito por iu, kaj morti en ia kampangulo dum viaj gepatroj, via edzino kaj viaj infanoj mortas pro malsato... jen kion oni nomas «ne fali en la plej malbelegan materialismon». La homoj de milito estas vundoj de la homa gento. Ni bataladas kontraŭ la naturo, la nescio, kontraŭ ĉiuspecaj baroj por plibonigi nian mizeran vivon. Kelkaj homoj, bonfarantoj, scienculoj, eluzas sian sanon laborante, vastigante la sciencon, donante ĉiutage al sia patrujo bonstaton kaj fortecon. La milito alvenas, post ses monatoj la generaloj detruis dudek jarojn da penado, paciencо, genio. Jen kion oni nomas «ne fali en la plej malbelegan materialismon».

Ĉ. Ĉ. E.

---

# SEGOVIA

*(Daŭrigo)*

Oni opinias, ke la remparon, kiu ĉirkaŭas la urbon, kaj ĝiajn turojn multenombrajn, oni starigis je la XI.ª kaj XII.ª jarcentoj, kvankam ĝi elmontras ie restsignojn de plej granda antikveco. Oni starigis ĝin sur la roko mem, kaj oni ĝin konservas sufiĉe bone. La pordo de *Santiago*, masiva konstruaĵo, havas interne skulptaĵon de l'Virgulino tre difektita, kaj sur la posta fasado, restaĵojn de pentraĵo kun la bildo de *Santiago;* tiu de *San Andrés* estas monumenta, inter kvadrata kaj poligona turoj, havas ŝildon sur la ekstera fasado, kaj sur la interna, bildon de la Virgulino.

Estus sufiĉe la Palaco-Fortikaĵo por ke *Segovia* estu vizitinda. Ĝia altega turo rektangula, nomata de *D. Juan II.ª*, estas belega. De okcidente, la Palaco-Fortikaĵo mirigas pro sia bela perspektivo; supren, la ĉefturo ŝajnas iri en la ĉielo kun la pintoj de siaj sep turetoj.

La 6.an de Marto de 1862, terura bruligado detruis multenombregajn belaĵojn, artaĵojn kaj riĉaĵojn, kiuj ornamis ĝiajn salonojn nomataj: *de la Galera*, ĉar la plafono estis kvazaŭ internaĵo de antikva ŝipo; *del Pabellón*, en kiu la reĝoj akceptis; *de las Piñas; de los Reyes*, en kiuj ekzistis la statuoj de la reĝoj, kiujn ordonis skulpti *Alfonso Xª*, ordonis daŭrigi *Enrique IV.ª* kaj finis *Felipe II.ª*. La skribaĵoj de la statuoj estis vera historia kaj kronologia resumo pri 52 reĝoj de *Don Pelayo* gis *Doña Juana la Loca*.

La domo de la *Markizo de Arco* estas rimarkinda pro la arkadaro renesanca de la korto; la arkoj staras sur belaj kapiteloj de graciaj kolonoj; medalionoj kun bustoj de romaj imperiestroj kaj hispanaj reĝoj ornamas la arĥitrabojn, kaj kapoj de monarĥoj kun venksignoj en la anguloj, tiujn de la ĉefetaĝo.

La domo *de Herkuleso*, hodiaŭ monaĥejo de *Dominicos;* tiu de *Segovia*, kaj tiu de *Arias Dávila*, estas vizitindaj. Tiu de la Markizo de *Loyola* havas belegan arkadaron renesanca, sed super ĉio estas rimarkinda krucumito ekzistanta en ĝia kapelo, ĉar la skulptisto genie donis al la vizaĝo de Jesuo doloresprimon mirinda. Tiu de *los Picos*, tiel nomata pro la kvarangulaj piramidoj ŝtonaj kiuj ornamas la fasadon; tiu de la grafo de *Alpuente*, kun rimarkinda turo kaj du gotikaj fenestroj el nigra ŝtono, ĉizita kvazaŭ belega punto; tiu de *Juan Bravo*, en kiu loĝis la heroo; tiu de *la Tierra* kaj la palaco de *En-*

*rique IV.ª*, estas rimarkindaj kaj vizitindaj.

Oni konstruis la urbestrejon je la XVII.ª jarcento, kun portiko konsistanta el dorikaj kolonoj, rimarkinda ŝtuparo kaj belegaj pentraĵoj de Antonio García, reprezentantaj famajn segoviidojn kaj heroaĵojn de l'segoviaj korpusoj, en unu el ĝiaj salonoj. En ĝiaj arĥivoj estas riĉaj kaj interesaj dokumentoj, mirindaj ornamaĵoj el ledo kaj bonega kaj rimarkinda triopa pentraĵo.

Estas en *Segovia* multenombregaj konstruaĵoj, kiuj montras rimarkindajn artaĵojn el ĉiuj epokoj kaj stiloj.

Oni ekkonstruis la nunan katedralon je la 24 de Majo de 1525 kaj direktis la konstruadon de ĉi tiu majesta arĥitekturaĵo de la kristana arto multaj arĥitekturistoj. *Francisco Herrainz* kaj *Danis* fabrikis la belajn vitraĵojn. *Juan Campero* sin devigis per kontrakto, datumita je 1534, transloki la arkadaron de la korto de la antikva katedralo al la nova, kaj mirigas la eksakteco de la rekonstruado. La katedralo, ekstere, havas aspekton simila je ceteraj gotikaj grandpreĝejoj. Ĝia turo, alta je 88 metroj, konsistas el ses korpoj. Interne, ĝi estas majesta: a pavimo estas el blanka, blua kaj ruĝal marmoro; kolonoj, kvazaŭ palmoj, surportas arkaĵojn; la granda altaro, donacita de *Carlos III.ª*, el marmoroj kaj bronzo, estas miriganta, kaj en ĝi staras skultaĵon el arĝento kaj eburo, *Nuestra Señora de la Paz* Virgulino de la Paco), donacita de *Enrique IV.ª*, al la antikva katedralo kaj kiu apartenis, laŭ la tradicio, al la reĝo *San Fernando*, ĉi tiu skulptaĵo estas juvelo arta; ĉe la absido de la ĥorejo estas alia marmora altaro ankaŭ donacita de *Carlos III.ª*, en kiu oni povas rimarki artan kofreton el arĝento enhavantan sanktaĵojn el sanktaj segoviidoj *San Frutos*, *San Valentin* kaj *Santa Engracia*. La seĝaro de la ĥorejo, tre rimarkinda, estas tiu de la antikva katedralo kaj oni kompletigis ĝin je 1790 ĉar mankis ok seĝojn.



SAN JUAN

El la kapeloj, kiuj ĉirkaŭas la grandaltar-

on, la plej rimarkindaj estas tiuj nomataj: *Nuestra Señora del Rosario* pro bronza altaro kaj pentraĵoj ambaŭflanke; *San Antonio de Padua*, pro rimarkinda pentraĵo, kiu kovras la Sankta-Ŝrankon; *San Ildefonso*, pro belega kaj arta reliefo, kaj *San Pedro*, pro belegaj skulptaĵoj.

Multenombregajn belaĵojn artajn enhavas ceteraj kapeloj, kaj el tiuj belaĵoj ni citos: la kradpordon kiu apartenis al la an-



KOKTO DE LA KATEDRALO

tikva katedralo, feran subtenilon de lampo, kaj artajn tombojn de la episkopoj *Don Raymundo de Losada* kaj *Don Diego Covarrubias*, en la kapelo de l'*Cristo del Consuelo;* la belegajn skulptaĵojn, kaj portreton de l'fondinto de la kapelo *Don Francisco Gutierrez de Cuellar*, pentrita de *Pantoja*, en tiu de *Santiago;* baptopilon de la XV.ª jarcento supoŝe, en tiu de *Santa Bárbara;* kradpordon el mahagono, pentraĵojn de *Nies*, pentristo de *Sevilla*, kaj skulptaĵon de la Virgulino, en tiu de la *Concepción;* pentraĵojn kaj skulptaĵojn en tiu de *San Andrés*, kaj fine, altaron de *Juan de Juni*, fama skulptisto, altaro la

plej arta el ĉiuj de tiu skulptisto ekzistantaj en *Valladolid*, *Osma* kaj *Oporto*, kvar pentraĵojn, unu el ili triopa, tre artaj, kaj el ili tiu, kiu prezentas Kriston montrantan lian flankan vundon al *Santo Tomás*, estas de *Alonso Coello*, en tiu de la *Piedad*.

En la sakristio oni gardas multvalorajn vestarojn por la kulto, bone brediitaj, speciale blankan kaj ruĝan vestarojn de la XV.ª jarcento; pentraĵojn de *Maella* kaj *Micol*.

En la kapelo de l'*Cristo del Consuelo* oni admiras belegan pordon, kiu apartenis al



GRANDALTARO KAJ TOMBO DE L' MARKIZO DE VILLENA. – «EL PARRAL»

la antikva katedralo; en la galerioj de la korto, tombojn de la artistoj, kiuj direktis la konstruaĵon, kaj tiun de fervorulino *María del Salto*.

En la turo estas kapelo de *Santa Catalina*, en kiu oni povas admiri belan Krucumiton tre antikva kaj tombon de la reĝido Don Pedro, kiu mortis je 1304. En ĉi tiu kapelo oni gardas hostiujon el arĝento, kiu estas mirinda artaĵo.

La gildejo estas rimarkinda pro siaj tapiŝoj, skulptitaj plafonoj kaj pentraĵoj, iuj

el *Van-Dyk;* pro belega altaro kaj tre arta pentraĵo sur ligno.

La preĝejo *San Martin* staras sur centro de placo, ĉirkaŭata de palacoj, bizantina, tre antikva, kun belega portiko kaj du belegaj portaloj ekstere. Interne estas tomboj, inter ili tiu de la familio *Bravo*. Rimarkinda estas kapelo en kiu estas tomboj de la familio *Herrero*, kaj la unua maldekstre, pro mirinda pentraĵo gotika sur ligno, de la XVI.ª jarcento.

Oni finis konstrui *San Miguel* je 1558, *José Ferreras* skulptis la grandaltaron, kiun finis pentri je 1572 *Pedro de Prádena*. En ĝi estas rimarkindaj pentraĵoj, belega tombo de *Don Diego de Rueda* kaj lia edzino, tiu de la familio *Laguna*, skulptaĵo, je granda merito, kiun oni trovis kiam renversis muron de la antikva preĝejo, kaj kiun oni pentris maldelikate, kaj belega triopa pentraĵo je flamanda stilo, kiun oni atribuas al *Alberto Durero*.

*San Esteban* estas juvelo arĥitektura, kun belega kaj altega turo bizantina, kiu rimarkigas siajn belegajn fenestrarojn. Sude kaj okcidente ĝi havas portikon kun kolonoj duope. Interne, estas belega altaro de la XVI.ª jarcento, tombo de l'D-ro *Juan Sanchez de Zuazo*, mortinta je 1425.

*San Andrés*, ankaŭ je bizantina stilo. Ĝia turo, el tri korpoj kun fenestroj, elmontras sian primitivan stilon, romana. Ĝia grandaltaro estas tre rimarkinda pro mirigantaj pentraĵoj de *Alonso de Herrera*, segoviido, kaj bonegaj skulptaĵoj.

*San Quirce*, kun tombo de *Diego Enriquez*, kronikisto de *Enrique IV.ª*; *La Trinidad*, kun du reliefoj tre antikvaj, rimarkinda kapelo, du altaroj kaj kelkaj pentraĵoj; kaj *San Nicolas*, bizantina, kun arta grandaltaro, skulptaĵo de la krucumito, alia de *San Julián* kaj kelkaj pentraĵoj rimarkindaj, estas indaj je la vizito de l'turisto.

*San Juan de los Caballeros*, belega arĥitekturaĵo, kun bonstila portiko, du portaloj, unu el ili kun artaj ŝtonlaboraĵoj romanaj eĉ iomete ogivaj, ĝi estis kvazaŭ tombejo de la segovianaj nobeloj.

*San Marcos*, ĉe la rivero *Eresma*, de la XII.ª jarcento, bizantina; *San Lorenzo*, ankaŭ bizantina, tre bela, kun larĝa kaj atentinda portiko; *El Salvador*, de la XI.ª jarcento, kun belega altaro renesanca de la XVI.ª jarcento, kaj aliaj artaĵoj eĉ tre antikvaj; *San Justo*, kun belega pentraĵo arta; *San Clemente*, je romana stilo; *San Millán*, mirindaĵo de la kristana arto de la mezepoko; *Santo Domingo*, *San Agustin*, hodiaŭ ruinigita, kaj *Santa Eulalia*, estas vizitindaj.

*La Fuencisla*. Oni opinias, ke la skulptaĵo de l'Virgulino de la *Fuencisla* venas de tre antikva dato, de kiam vivis *San Geroteo;* ke la skulptaĵo estis kaŝita en la preĝejo *San Gil* de la jaro 714 ĝis 1111; ke en ĉi tiu jaro ĝin lokis sur la pordo de la antikva katedralo, de kie oni translokis kien hodiaŭ staras, je la XIII.ª jarcento. La sanktejon oni konstruis de 1598 al 1613, kun mirinda altaro kaj belega krado. De la sakristio iras al la ĉambreto de la Virgulino ŝtuparo laborita ĉe la roko mem, kaj en ĉi tiu ĉambreto oni gardas veran trezoron el juveloj kaj manteloj donacitaj de ĉiuj reĝoj, estas riĉa kaj arta trezoro. La arkaĵo de la pordo de *Valladolid* havas subreliefon reprezentantan legendon pri hebreino, Ester, kiu edziniĝis kaj kalumniita pri adulto estis kondamnata esti ĵetota de la supro de la roko *Peñas Grajeras;* sed je la momento mem kiam oni ŝin ĵetis, ŝi petegis protekton al la Virgulino, videbla de tiu loko, kaj tial ke ŝi suferis nenion, ŝi kristaniĝis kaj akceptis nomon *Maria* kaj la segovianoj aldonis al tiu nomo *la del Salto*, kies tombo staras en galerio de la katedralo.

*Vera-Cruz*, fondita de la templanaj Kavaliroj, estas belega mirindaĵo bizantina.

Monaĥejo de l'*Parral*. Ĉi tiu monumenta konstruaĵo staras inter la antaŭurboj *San Marcos* kaj *San Lorenzo*, apud la arboplena promenejo nomata *Alameda*. Oni atribuas ĝian fondon al la reĝo *Enrique IV.ª* kiam li estis reĝido, ankaŭ al Markizo de *Villena*, *Don Juan Pacheco*. Regante tiu reĝo, oni inaŭguris la konstruadon, en kiu laboris plej bonaj artistoj tiamaj, starigantaj artan

arĥitekturaĵon, miriganta, hodiaŭ nacia monumento.

La monaĥejo *San Vicente* staras kvazaŭ malgranda vilaĝeto kaj ĝian malgrandan preĝejon oni konstruis sur ruinoj de Jupitera templo je 919 proksimume.

Preĝejo *Santa Cruz*, proksima je la maldekstra riverbordo de l'*Eresma*, estis groto, en kiu *Santo Domingo* loĝis kaj pentofaris, kaj tie li fondis monaĥejon. Kelkefoje oni rekonstruis ĝin, sed hodiaŭ nur oni konservas el ĝi ruinaĵojn el la antikvaj galerioj



MONAĤEJO «EL PARRAL» - FASADO

de la korto. La grotkapelo konsistas el du ĉambroj; la unua estas ampleksa, kaj la dua malgrandeta, pentofarejo de la asketo. En la kapelo estas maldelikata altaro kaj skulptaĵo de la sanktulo. *Filipo II.*ª ordonis forigi el ĝi tombon de la familio *Coronel*, dirante: «eĉ por mi estas tro inda ĉi tiu loko».

La monaĥejoj *San Antonio el Real*, *Santa Isabel*, *de l'Corpus*, kies preĝejo estis sinagogo kun belaj laboraĵoj arabaj, *San Juan de Dios*, *San José*, *San Juan de la Cruz*, *de la Concepción* kaj *San Grabriel*, kaj iuj kapeloj, estas vizitindaj.

J. Mangada Rosenörn

# KIEL LA CIGANOJ VENIS AL EŬROPO

V

Precizaj historiistoj iom fundamente supozas, ke la ciganoj venis al Eŭropo tra du malsamaj vojoj: unue, post la mahometanaj militistaroj, kiuj, tra la mediteranea afrika marbordo, de Arabujo kaj Egipto, venis elŝipiĝi al Hispanujo periode; due, akompanante ankaŭ la almilitantajn armeojn turkajn tra Hungarujo kaj Bohemujo.

Efektive, oni scias, ke la armeoj de la granda Tamerlan konsistis el tartaroj kaj *mogoloj* eĉ el bandoj de ĉiaj aziaj gentoj, kiujn oni utiligis precipe kiel portistojn kaj ankaŭ por aliaj metioj kiel devigi tiujn bandojn disvastiĝi por forrabi la venkitajn landojn.

Ĉu oni ne povus opinii ĝuste, ke, same kiel Tamerlan, faris aliaj mahometanaj almilitantoj, kiam periode ili invadis Hispanujon, kaj ke nur kiam la maŭridoj kaj la judoj estis elpelataj oni ekkonis tiun genton? Ĉu ne estus eble ankaŭ, ke la unuaj ciganaj bandoj, kiuj unue aperis je 1417, preskaŭ samtempe tra la apudaĵoj de la Norda Maro, Hungarujo kaj *Moldavio;* la sekvanta jaro tra Svisujo kaj la lando de la *Grisones;* je 1419, tra *Augsburgo* kaj je 1422, tra *Bolonio*, estus la samaj, kiuj je 1402 akompanis la armeojn de la turka sultano *Bayaceto I.ª*, kaj tiuj kiuj sekvis tiujn de la tartara imperiestro *Timur-Lenck?*

Por plibone opinii pri tio antaŭe elmontrita, oni devas konjekti, ke post kiam *Bayaceto I.ª* okupis la Malgrandan Azion, renversis la grekan imperion, kaj invadis Eŭropon je la komenco de la jaro 1402, venkinte la kristanojn kiuj en *Nicopolis* intencis haltigi lin, la ciganaj bandoj, kiuj sekvis liajn armeojn, povis resti en Bulgarujo kaj Servujo; ankaŭ oni devas konjekti, ke kiam li estis venkata tiu jaro mem, apud *Angora*, de la granda *Tamerlan*, la ciganoj de ambaŭ batalantoj certe preferis resti en la landoj al kiuj ili alvenis, anstataŭ esti viktimoj de la terura buĉado, kiu okazis dum tri tagoj en tiu grandega batalado kiun ludis 340.000 batalantoj.

Estas certe, ke de la epoko en kiu okazis la diritaj agoj ĝis tiu de la apero de la ciganoj en Eŭropo, pasis dekkvin jarojn.

Kio okazis al tiu gento dum ĉi tiu intertempo?

Jen hipotezo pri tio:

«Dum la unua periodo de la XV.ª jarcento, en kiu la regionoj samlimaj de Azio, Afriko kaj Eŭropo ŝanĝiĝis; kiam la turka gento invadas kaj subpremas ilin, trudante al ili leĝojn, kutimojn kaj religion malsamajn; dum sama niveliganta impulso rekoncentrigas la rilatojn inter la *Eufrates*, la *Nilo*, la *Jonia*, la *Pireo*, la *Marmara* maro kaj la *Danubo:* ĉu estas strange, ke en ĉiuj tiuj regionoj, aŭ en iu el tiuj (speciale en Bulgarujo), restadus dum dekkvin jaroj la indiĝenoj de la *Zind*, kiuj sekvis la armeojn de *Bayaceto* kaj *Tamerlan?* Ĉu estus strange supozi, ke, koninte la novan landon, la instinkto vagi decidis la ciganojn preterpasi la Danubon irante ĉien laŭ volo kaj propraj konvenoj de ĉiu bando, kaj tial, trairi la *Valakian* kaj *Moldavian*, veni ĝis Rusujo kaj Polujo, kaj tra Bohemujo kaj Hungarujo ĝis Germanujo, Italujo kaj Francujo tra *Lorena* kaj *Alsacia?*»



---

# Esperanta movado

*Madrid.*—Je la honoro de nia glora Majstro okazis solena kunveno nekrologa ĉe la *Institucion Amigos de la Enseñanza.* Faris paroladon, pri D-ro Zamenhof kaj lia verko, D-ro Rafaelo de San Millan, Prezidanto de Centra Esperantista Grupo, kaj S-ro Johano Calahorra, juna kaj entuziasma propagandisto. Okupis honoran lokon busto de D-ro Zamenhof, tre bone skulptita de lernantoj de tiu Institucio, ornamita funebre per granda banto nigra.

Laŭ leteroj kaj poŝtkartoj estas evidente, ke Esperanto renaskiĝas en nia Patrujo.

Zamenhofanoj publikigis artikolojn pri nia kara Mortinto kaj lia verko en multaj ĉefaj ĵurnaloj provincaj kaj revuoj kaj ankoraŭ oni publikigos aliajn.

—

*Sevilla.*—En la granda salono de la Biblioteko de Seviljana Societo de Amikoj de la Lando ni okazigis la 18an de Aprilo nian Ian Regionan Kongreson de Andaluzia Federacio Esperantista, kies anoj estis antaŭe invititaj.

Je la deka matene sub prezidanteco de S-roj



SAN MARTIN

Trinidad Soriano, Jozefo Garzon Ruiz, advokato kaj delegito de S. Fernando kaj la subskribanta Sekretario oni malfermis la kunsidon.

S-ro Prezidanto varme salutis ĉiujn ĉeestantajn gefederacianojn, precipe tiujn, kiuj estis alvenintaj de aliaj urboj, kaj bedaŭris ke, pro diversaj motivoj kaj okupoj, multaj ne povis akompani nin en tiu solena okazintaĵo, kiel atestas iliaj ricevitaj leteroj. Ankaŭ oni legis la longan telegramon per kiu S-ro Serrano Olmo salutas la Kongreson je nomo de la kordobaj federacianoj.

Tuj per sentiga parolado la Prezidanto

sciigis pri morto de nia karega Majstro L. L. Zamenhof, okazinta en Varsovio la 13an laŭ la telegrafo lakonike anoncis; kiel funebra montro la tuta ĉeestantaro malgaje stariĝis silente. Poste la Prezidanto diris ke, pli bone ni honoros la memoron de nia plorata Majstro daŭrigante nian organizan laboron, ol disigante la kunsidon kaj kun aprobo de ĉiuj, oni pasis al diskutado de la tagordo.

Unue estis definitive aprobata la Regularo de la Andaluzia Federacio, kies projekton ĉiuj konis, ĉar de Februaro estis dissendita al ĉiuj.

Due, kaj por plenumi la 25an artikolon de dirita Regularo oni decidis, post ne longa diskutado, ke la Regiona Komitato loĝu en Sevilla dum la jaro 1918, kaj sekve, la Sevilla loka Grupo oportune difinos la kandidataron, kiu dum proksima Oktobro estos sendata al ĉiuj federacianoj kaj dum Novembro tiuj ĉi resendos ĝin al nuna komitato pli aŭ malpli aliformita, por fari la balotadon dum Decembro, tiel, kiel la liberigadon de arĥivo, dokumentaro, k. t. p. al nova komitato, laŭ priskribo de artikoloj 26a kaj 27a de la Regularo.

Poste, kaj por plenumi la 20an artikolon, oni diskutis pri la plej oportuna urbo kie kunsidos nia II.a Regiona Kongreso. S-ro Garzon petis ke estu Kadizo la urbo difinita, ĉar li havas tie sufiĉajn rimedojn por ke la kunsido estu solena kaj propagandiga. La kongreso konsentis, sed pri tago oni rajtigis S-ron Garzon por ĝin fiksi oportune.

Estis aprobataj la kalkuloj federaciaj montritaj.

Ĉar unu el la ĉefaj celoj de nia Regiona Federacio estas la 2.a artikolo de ĝia Regularo labori kaj propagandi kune kun ceteraj Regionoj de Hispanujo, ĝis atingi Hispana-Konfederacion, la Kongreso esprimis deziron interkonsenti kun Zamenhofa Federacio la bazojn, kiujn ni devas proponi al komitato de ceteraj regionoj jam konfederaciigitaj per deziro, kvankam ankoraŭ sen nacia Regularo.

Antaŭ ol fermi la kunsidon, la ĉeestantoj stare kantis kune kaj per mallaŭta solena voĉo nian himnon L'Espero dediĉata kiel ofera memoraĵo al ĝia senmorta aŭtoro.

Nun pli bone ol iam ni kriu: Vivu Esperanto!

*Marcelo Rufo.* Sekretario

—

*Tarrasa.*—La Grupo «Lumon» sukcese organizis ekskursojn. La unuan, al pentrindaj najbaraj montaroj kaj urbeto *Olesa* por ĝui naturajn belaĵojn kaj montri ke Esperanto vivas kaj progresas spite ĉio. Duan, dum Pasko, plej grava, al *Martorell* kaj *Gelida*, ĉeestante pli ol tridek gesamideanojn, kiuj festenis kaj je la fino S-ro Jacinto Figueras, nia sperta samideano, regaladis festenantojn per ĉampano, toastante por la baldaŭa fino de la milito kaj triumfo de Esperanto, sola solvo por efektivigi la feliĉon de la homaro.

S-ro Mariano Sola estas de nun redaktoro de Kataluna Esperantisto.

Nia fervora samideano, S-ro Chaler, esperantigis du germanojn kiuj loĝas ĉi tie, kaj kiuj fariĝis entuziasmaj propagandistoj de nia kara lingvo, ĉar li rapide lernis kaj bone parolas.

La vintra kurso estas fermita kun granda sukceso, kaj baldaŭ oni malfermos printempa-someran kurson.

Ĉe la balkono de nia grupejo pendis nia flago funebre ornamita pro l'morto de nia kara Majstro dum kvar tagoj, kaj, por honori nian Majstron ĉiam plorata, la komitato de «Lumon» organizas literaturan feston en granda salono pri kio ni sciigos al gelegantoj de nia kara «Hispana Esperantisto».

Nia samideano, S-ro Antono Morera, petas al poetoj esperantajn verkojn por verki muzikon por la versaĵojn. Sendu la versaĵojn al S-ro Morera, *Colegio, 75. Tarrasa.*

La gazeto «La Aurora», organo de Kataluna orfeonaro publikigis artikolon de S-ro Chaler pri Esperanto, incitante la kantistojn lerni Esperanton.

Laborista ĵurnalo de Barcelono, «Tierra y

Libertad», publikigis artikolon de Tarrasa samideano «Paca Batalanto» pri Esperanto, kaj la verkisto ricevis multajn leterojn de neesperantistoj pretaj lerni nian lingvon.

*Korespondanto*

—

*Coruña.*—Nia redaktoro, S-ro. Fernando Redondo, tre entuziasme helpata de S-ro Monteagudo, aktive laboras por reorganizi ĉi tiean Grupon kaj kuraĝigi esperantistojn antikvajn, kaj oni esperas revivigi Esperanton en la tuta Galicia, kaj sukcesi.

—

*Cartagena.*—Ĉi tiea Grupo sin turnos al ĉiuj hispanaj esperantistoj por aktivigi esperantan laboradon, por pli efike propagandadi, kaj tial pli rapide sukcesigi Esperanton.

—

*Córdoba.*—S-ro Serrano Olmo entuziasme propagandas kaj laboras, li estos direktoro de grava revuo kiu ankaŭ propagandos nian karan lingvon. Li publikigis artikolon pri nia Majstro kaj Esperanto en la ilustrita revuo «Córdoba».

—

*Barcelona.*—Denove aperas «Kataluna Esperantisto» kiu baldaŭ aperos akurate. La «Barcelona Hejmo de la Kataluna Esperantista Federacio», kune kun la redaktejo de «Kataluna Esperantisto, translokiĝis al la strato Diputación, 280, antikva sidejo de la malnova societo «Espero Kataluna».

Grandan ĉagrenon kaŭzis al ĉi tieaj samideanoj la morto de nia kara Majstro, kiu koincidis preskaŭ kun tiu de S-ro Johano Rosals, klera, sperta, entuziasma kaj aktiva esperantisto, eksprezidanto de «Espero Kataluna», kaj Komitatano de la organiza komitato de la Kvina Internacia Kongreso, okazinta ĉi tie je 1909.

La 22an de Aprilo «Barcelona Stelo» vizitis Muzeon «Masriera» por admiri artaĵojn, kaj poste laborejon «Masriera H.os y Carreras» en kiu oni fabrikas arĝentaĵojn kaj juvelojn, kaj kiu staras apud la Muzeo.

—

*Baltanás* (Palencia).—Ĵus oni fondis ĉi tie grupon, nomata «Zamenhofa Grupo». Oni klarigas esperantan kurson en laborista societo, en kiu estas entuziasmo por nia kara lingvo. Baldaŭ en *Baltanás* estos multenombraj esperantistoj, dank' al laboremeco de nia sperta kaj klera kunzamenhofano, S-ro Sidonio Pintado, kiu publikigis en la ĵurnalo «El Norte de Castilla» belegan artikolon pri nia kara Majstro.



PORDO DE «SANTA CRUZ»

Tip. Pasaje del Comercio, 8.—Madrid